4-a JARO JANUARO 1912. 3a NUMERO (39)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


| Redakcio : | Administracio : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |
| 20, VONDELSTRAAT | 45, KLEINE BEERSTRAAT |
| (20, rue Vondel) | (45, rue de la Petite Ourse) |
| ANTVERPENO | ANTVERPENO |

**ABONPREZO :**

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

**Anonco pri korespondado :**

Kun la numero de la revuo en kiu ĝi estas presita . Fr. 0.50 (Sm. 0.20)

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | 1 paĝo | 1/2 paĝo | 1/4 paĝo | 1/8 paĝo | 1/16 paĝo |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10 — | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


# Feliĉan Novjaron !

**1911**, la jaro de la Sepa Kongreso finis ; **1912**, la jaro de la Oka komencas. Je tiu renoviĝo de jaro, Belga Esperantisto profitas la okazon por sendi al siaj karaj gelegantoj la esprimon de siaj plej sinceraj kordeziroj. Dum la tuta komencanta jaro ili konservu la plej freŝan sanstaton, kaj materie kaj morale ili ricevu ĉiujn bonaĵojn, kiujn ilia koro povas deziri. Laŭ esperantista vidpunkto, ni bondeziras al ili ne nur ke ili restu fidelaj abonantoj al nia ĵurnalo sed ankaŭ ke ili varbu multnombrajn novajn legantojn por nia belga organo ; ke ili ageme kunlaboru al la disvastiĝado de Esperanto en nia patrujo kaj ke, eĉ se ili ne ĉiam ricevus la meritan rekompencon por klopodoj kaj penadoj, ili tamen obstine daŭrigu sian laboradon, rememorante ke la laboro por ideala afero estas sankta afero, ke la vivo sen idealo estas tute malinda vivo kaj ke la entuziasmiĝo por nia kara movado atendas rekompencon multe pli altan kaj multe pli valoran ol ĉiujn materiajn profitojn, kiujn kutime la plejmulto atendas de sia laboro.

Jen por vi ĉiuj, karaj gelegantoj, la bondeziroj, por **1912**, de

BELGA ESPERANTISTO

# El la lando kaj urbo de la Oka Kongreso

## Ĝenerala karaktero de Krakovo

### urbo de la Oka Kongreso

Se vi volas scii, frato,
Kion kaŝas pasint' nia
Kiel glor' malnova flamas,
Vi veturu al Krakovo...

Jen vortoj de pola poeto Wincenty Pol. Kaj efektive, kvazaŭ obeante la poeton, sennombraj aroj da fidelaj patrujanoj el ĉiuj tri partoj de Pollando pilgrimas Krakovon, por, meze de praantikvaj monumentoj de hela kaj granda pasinto, elĉerpi novajn fortojn por malfacila, kvankam ne sanga batalo. Ĉi tie je vido de tiuj malnovaj kaj silentaj muroj, preter kiuj pasis la ŝanĝoplena historio de pola nacio, ĉies penso revenas al tiuj feliĉaj tempoj, kiam Krakovo estis ĉefurbo de potenca pola ŝtato kaj atestanto de ĝiaj plej grandaj triumfoj.

Hodiaŭ ĉio ŝanĝiĝis... Polujo perdis sian politikan sendependecon, kiu speciale Krakovo konservis plej longe, ĉar ĝi formis ĝis la j. 1846 sendependan Krakovan Respublikon. En tiu jaro ĝi estis aligita al aŭstria imperio. Tamen malgraŭ sia malfeliĉa politika situacio, la pola nacio, kalkulanta 21 milionojn da animoj, konservis unu multekostan trezoron — la liberecon de spirito. Jes, ĉar ne ekzistas forto en la monda, kiu povus ekkateni la homan spiriton. Sur la kampo de l'arto, scienco, literaturo, la pola nacio certe ne cedas al multaj aliaj, pli feliĉaj, ĉar politike sendependaj popoloj.

Centro de pola intelekta vivo, « spirita » metropolo de Pollando — estas ĝuste Krakovo. En tiu urbo, kiu posedas unu el la plej malnovaj universitatoj en Eŭropo (la universitato estis fondita en la j. 1364.) koncentriĝas kvazaŭ tradicie la kolektiva pola penso. Sed de kie devenas tiu tradicio? Jen en Krakovo rezidis la polaj reĝoj, tie estis ĉiam fokuso de politika, socia kaj kultura vivo de pola nacio — tie restis ankaŭ monumentoj, atestantaj pri glora kaj brila pasinteco, de Polujo.

Apud la bluakva Vistulo, ĉe kies bordoj sin etendas Krakovo, staras fiere la antikva reĝa kastelo kun la ĉefpreĝejo kaj rigardas silente la urbon, kiu pli ol unu fojon vidis triumfojn de polaj armiloj, grandiozajn gastakceptojn de fremdaj monarĥoj, imponajn kronadfestojn de polaj reĝoj... Ĉio pasis — sed restis la majesta kastelo, kies ĉiu briko estas kara al Polo, ĉar tie en la katedralo ripozas cindroj de polaj reĝoj kaj herooj. Kun kiaj sentoj Pollandano eniras en la reĝan maŭzoleon kaj rigardas tiujn tombojn, en kiuj estas kvazaŭ enfermita la historio de Polujo — ĉiu povas facile al si imagi.

Sed ne nur en la reĝa kastelo vi trovas monumentojn de bela pasinteco. Iru en la grandiozajn Krakovajn preĝejojn el kiuj kelkaj devenas eĉ el la XII. jc., kaj tie vi vidos sennombrajn, zorge konservitajn memoraĵojn, kiuj, kvankam mutaj, parolas multon al sentema koro. Meze de ili la penso forflugas al malnovaj tempoj kaj serĉas tie la feliĉajn tagojn de gloro kaj libereco.

Eĉ simplaj loĝaj domoj, troviĝantaj en t. n. «mezurbo» kaj precipe ĉe la fama Ĉefplaco (Rynek) estas kvazaŭ muzeoj, ĉar ili konservis preskaŭ tute fidele tiun arhitekturon, kiun italaj majstroj donis al ili antaŭ jarcentoj. La Ĉefplaco, havanta surfacon da 11000 kvadrataj klaftoj es'as tiel grandioza kaj belega, ke kompetentaj turistoj envicigas ĝin inter la plej vindindajn placojn en Eŭropa. Ĝi estas por Krakovo tio, kio estas la placo de S-a Marko por Venezia aŭ Piazza Signoria por Firenze, sed ĝi ilin superas per sia pitoreskeco.

Multaj urboj posedas vastajn publikajn ĝardenojn kaj parkojn kaj prave fieras pro ili ; sed Krakovo rajtas fieri pro io, kio estas eble unika sur la kontinento. Mi celas t. n. plantaciojn, kiuj kvazaŭ per grandega ringo ĉirkaŭas la tutan mezurbon. Ili estas unu el la plej gravaj vidindaĵoj de Krakovo. Dum printempo kaj somero ili estas la plej agrabla promenejo de la loĝantaro, kiu en la ombroplenaj aleoj kaj multaj someraj kafejoj serĉas ĉi tie rifuĝon, antaŭ la sunbrulo.

Mi nur en tre ĝeneralaj trajtoj skizis la karakteron, de Krakovo, sed mi opinias, ke tiu konciza karakterizo de la praantikva urbo sufiĉas, por doni al la legantoj ideon pri la aspekto. de pola metropolo. Jam ĉi tiu mallonga priskribo montras, ke la sidejo de la Oka estas ekstreme interesa. Venu ! kaj per propraj okuloj konvinkiĝu pri tio.

Napoleono

——————xxxx——————

# VIII. Universala Kongreso Esperantista en Krakovo

## 11–18 Aŭgusto 1912

*Estimataj Gesamideanoj !*

Kiu legis la novembran numeron de «Oficiala Gazeto Esp.» (p. 193.) tiu certe ne miros, ke ne pli frue, ol nun, ni per oficiala cirkulero komunikas al la tutmonda esperantistaro la staton de la preparaj laboroj por la Oka. El la citita gazeto oni povas sciiĝi, ke nur en fino de novembro estis elektitaj la anoj de la Konstanta Komitato por la Oka Kongreso. Ĝis tiu tempo la provizora Loka Komitato memkompreneble leĝe ne ekzistis kaj pro tio ne rajtis ion ajn komunik-

adi pri la Oka. Tamen la provizora Komitato laboris atendante nur la momenton de oficialigo, kiu permesus al ĝi publike agadi. Tiu momento antaŭ nelonge venis kaj pro tio ni rajtas oficiale komuniki al la esperantistaro kelkajn detalojn pri nia Kongreso.

La Loka Komitato konsistas ĝis nun el jenaj personoj : Univ. prof. Odo Bujwid, D-ro Stefan Mikolajski, D-ro Leon Rosenstock, S-ro Stanislaw Rudnicki, D-ro Henryk Tislowitz, S-ro Oladyslaw Grabowski kaj S-ro Mieczyslaw Zielenkiewicz. La listo ne estas fermita ĉar laŭbezone ni kompletigados la Komitaton.

La Kongreso okazos inter la 11—18 de aŭgusto. Kvankam multaj samideanoj esprimis la deziron aranĝi la kongreson tuj en komenco de aŭgusto, tamen pro specialaj lokaj kondiĉoj ni ne povis elekti pli fruan daton.

Ni havas jam provizoran programon, laŭ kiu ni aranĝas nian laboron, ĉar tamen kelkaj punktoj troviĝas ankoraŭ en stato de diversflanka intertraktado ni opinias, ke ne estas konvene jam nun ĝin publikigi.

Ni nur povas komuniki al vi, ke okazos « Jubilea Festvespero » je honoro de nia Majstro kaj lia granda verko. En la festvespero partoprenos eminentaj artistoj.

Pri elekto de aktora trupo kaj teatraĵo ni povos jam plej baldaŭ publikigi la definitivan decidon. Plej verŝajne estos ludita « Mazepa », belega tragedio de pola poeto Juliusz Slowacki, en majstra traduko de A. Grabowski.

Pri la ekspozicio zorgas la « Teknikista Grupo de Esperantistoj » en Lvovo, kiu sukcesis jam kolekti riĉan materialon. Ĉar ni deziras, ke la jubilea ekspozicio estu vera kaj fidela revuo de 25-jara disvolviĝo de nia kara lingvo, *ni turnas nin* al ĉiuj samideanoj *kun* varma kaj insista *peto*, ke ili per sendo de plej diversaj esperantaĵoj helpu la ekspozician sekcion kaj pliriĉigu la kolektitan de ĝi materialon. Ĉiuj eksponaĵoj estu sendotaj al Sro Benedikto Herold, *Lvovo* (Lwów), str. Potockiego 22, Aŭstrio-Galicio.

La ĉi-kune aldonita gvidlibro tra Krakovo estas dissendata al partoprenintoj en la VII. Kongreso kaj al ĉiuj grupoj esp. Aliaj personoj ricevos ĝin kontraŭ 2 respondkuponoj, sendotaj al la Komitato, kies adreso estas : VIII. Universala Kongreso Esperantista en Krakovo (Aŭstrio-Galicio).

Kiel kutime, ankaŭ dum nia Kongreso okazos diservoj kaj dum la katolika diservo *havos predikon en Esperanto Lia Episkopa Moŝto* pastro Bandurski, unu el la plej eminentaj polaj oratoroj. La esperantistaro certe kun ĝojo akceptos ĉi-tiun sciigon.

Informojn pri insignoj, kongresaj poŝtkartoj kaj sigelmarkoj, ekskursoj, literatura konkurso, k. t. p. ni rezervas por la proksima cirkulero. Plej detalajn sciigojn posedos ĉiam «*Pola Esperantisto*», kiu estas *oficiala organo* de la VIII. Kongreso.

Cirkuleroj *ne estos sendataj* al apartaj personoj aŭ grupoj, sed nur al ĉiuj esp. gazetoj senescepte, tiel, ke ĉiu esperantisto kiun ajn gazeton li kutime legas, estos informita pri la preparaj laboroj por la Oka.

Ĉar ni volas ŝpari kostojn, ni sendados aliĝilojn nur al tiuj personoj, kiuj antaŭe sciigos nin per simpla poŝtkarto, ke ili intencas partopreni la Kongreson, citante al ni nur la 1) familian nomon (substreku!), 2) antaŭnomon, 3) profesion, 4) precizan adreson (substreku la urbon!) kaj 5) la nombron de eventuale kune venontaj familianoj. *Pri senprokrasta provizora aliĝo ni urĝe petas.*

Ni opinias necese doni kelkajn informojn pri la distancrilatoj de Krakovo. Sur alia flanko vi trovas tabelon, enhavantan distancojn inter Krakovo kaj plej gravaj centroj esp. kaj krom tio la prezoj de la fervojoj.

LOKA ORGANIZA KOMITATO.

---

# Mi « tagmanĝas » ĉe mia patrino.

(*Novjarskizo,*)

Estis novjartago kaj matena akcepto ĉe la juna grafino Duard de la Hagne. Kun sia ordinara amika ĝentileco ŝi respondis la feliĉodezirojn prezentitajn al ŝi de ŝiaj parencoj kaj amikoj. Je la komenco, la parolado estis ĝenerala sed iumomente la atento direktiĝis al vivgranda pentrita portreto de la mortinta grafino, portreto kiu brilegas en la belega akceptoĉambro. Oni ne sciis kion oni devis pli laŭdi, ĉu la nekompareblan belecon de la vizaĝo, ĉu la arton de la majstro kiu al ĉi tiuj trajtoj kaj al la okuloj donis tian animecon. Verege, ĉi tiu portreto vivas, ĝi parolas kun tiuj kiuj ĝin admiras! La parolado koncernis nun la pentriston kaj la skulptarton, la malnovan kaj la novan pentroskolon. La ideoj pri ĉio ĉi estis alternantaj kaj disirantaj; la plej multaj preferis la malnovajn majstrojn; aliaj estis pli emaj por glori la novan skolon ĉar ĝi estas neornamita kaj ĉar ĝi malestimas ĉian flatemon.

« Jes, » diris la grafino ridetante, « en ĉio estas fluado, nova » direkto, tiel en la belartoj kiel en la literaturo.

« Mi ne tre amas la novan skolon tial ke ĝi tro uzas la nedi» finitajn fantomajn liniojn.....

« Sed, » haltiĝis ŝi, «mi forgesas ke inter miaj gastoj estas juna » artisto kiu emas la novan direkton, kvankam, mi devas aldoni, » liaj desegnaĵoj estas neriproĉeblaj. »

La pentristo klinis la kapon.

« Kaj estos agrable al mi, » daŭrigis la grafino « se vi donas » al mi la plezuron resti por tagmanĝi. »

Novafoje la fraŭlo klinis la kapon dirante : « Estas por mi
» granda honoro, grafina moŝto, sed je mia sincera bedaŭro mi
» ne povas akcepti vian amindan inviton, ĉar hodiaŭ-novjartago-
» mi tagmanĝas kun mia bona maljuna patrino, kaj mi esperas ke
» via grafina moŝto akceptos la valoron de tiu ĉi tialo. »

— « Certege, Sinjoro, kvankam mi ĝin vere bedaŭras...... kaj
» vi, kara kuracisto,mi kalkulas je vi ; jam de longe mi ne plu suk-
» cesis vin teni pro viaj multnombraj vizitoj al malsanuloj. »

— « Hum, Sinjorino, vi estas tre aminda kaj bona, sed...... »

— « Kiel ? ankaŭ « sed » ?

— « Jes, sinjorino, la sama tialo kiel tia kiun mia juna amiko
» la pentristo citis,devas ankaŭ valori por mi. Hodiaŭ mi informis
» miajn flegatojn ke, krom neantaŭviditaj okazontaĵoj, mi hodiaŭ
» ne vizitos ilin ĉar mi devas kun edzino kaj infanoj tagmanĝi ĉe
» mia patrino. Estas tielmalnova familikutimo kaj sub nenia pre-
» teksto ŝi volas cedi tiun ĉi rajton. »

— « Nun, tiam mi devas venkiĝi pro patrina rajto..... kaj vi,
» baronino, «ŝi diris al juna belulino», ĉu mi tamen povas esperi
» je vi ? »

Ruĝigante kiel rozo sed ruzete ridante, la alparolata baronino respondis : « Ne, aminda grafino, ne hodiaŭ ĉar estas famil-
» festo... hodiaŭ mi tagmanĝas kun mia fianĉo, ĉe lia patrino.
» Tio ĉi estis jam difinita de kelkaj semajnoj ».

Esprimo de doloro glitis sur la ĝentila vizaĝo de la grafino sed venkante sin baldaŭ, ŝi diris kore :

« Ĉiuj do ĉe patrino ! ha ! kiel vi estas feliĉaj ! kaj mi, mizera,
» restas do tute sola : nun,mi do invitas vin je la estonta novjartago,
» neniu povos plendi ke mia invito ne estas farita sufiĉe frue. »

Iom post iom la gastoj foriris,lasante la grafinon solan. Iom malgaja ŝi sidiĝis en la apogseĝon apud la fajrujo kaj ripozigis la kapon en la mano. Malatente ŝi rigardis ĉirkaŭ ŝi, ĝis ŝiaj rigardoj restas fiksitaj sur la portreto de ŝia patrino....

Subite ŝia aminda vizaĝo heliĝis kaj feliĉa rideto malfaldetis ŝiajn lipojn... « Ho ! kiel mi povis ŝin forgesi ?.... »

Ŝi sonoris kaj al servisto kiu sammomente aperis ŝi diris :

« Johano,pretigu la tablon tie ĉi,ĉar, » ŝi aldonis, pli mallaŭte kun radianta rigardo al portreto, « ĉar mi ankaŭ, jes, mi ankaŭ,
» mi tagmanĝas ĉe mia patrino.

Laŭ flandra teksto de M. D. — Esperantigis E. B.

# Printempa Kanto

Flandraj paroloj de G. Antheunis
Esperantaj paroloj de O. Van Schoor

Muziko de W. De Mol







Kamparon iris li,
Ŝi lin renkontis
Ruĝeta iĝis ŝi
Ambaŭ silentis.

*Rekantajo.*

Maneton premis li
Al ŝi malmole,
Kaj lian premis ŝi,
Kvazaŭ nevole.

*Rekantajo.*

Sopiris dolĉe li
Ŝin rigardante,
La antaŭtukon ŝi
Prenis faldante.

*Rekantajo.*

L' unua kiso nun
Spruĉis el koro,
Dolĉa kiel vesper'
Kiel Majfloro'.

*Rekantajo.*

---

La muzikon kun fortepiano akompano oni ricevos afrankite sendante al la Redakcio de Belga Esperantisto 1.25 frankon.

# POEZIAĴO

## LA KRUCO KUN ROZOJ.

« Kun rozoj kruco »,
De l'homoj sort', —
La vivo — estas,
Ho ! Dia fort'.

Ne solaj rozoj,
Ne kruco nur ;
Kunligas ilin
De l'amo ŝnur'

Kun rozoj kruco !
Ho pia hom',
Ĝin portu gaje
Je Dia nom' !

La rozoj falas
Dum vivo for,
La kruco restas,
Ĝis morta hor'.

Florejo hejma —
Se velkas ĝi,
Restadas ankaŭ
Floret' por vi.

Meritas flegon
Eĉ burĝonet' :
La amo estas
De l'viv' sekret'.

La floro ridas
Alvidu ĝin !
Des malpli premas
La kruco vin.

Ja, baldaŭ velkas
La tera flor',
Sed fruktojn portas
De l'kruc' dolor'.

P. A. DE GÉNESTET.

Laŭ la famekonata holanda diserva kanto esperantigis.
H. MENALDA.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTWERPEN**, — U. E. A. La delegito por Antverpeno kaj ĉirkaŭajoj estas de nun : S-ro D-ro W. Van der Biest, okulisto. Minderbroedersrui, 76.

**La Verda Stelo.** — La komitato insiste petas ĉiujn membrojn por ĉeesti la ĉiujaran ĝeneralan kunvenon, kiu okazos merkredon, la 17an de de januaro 1912 je la 8 1/2 a vespere en la Sidejo: « Zomerhof », Dageraadplaats, 30 (Privata enirejo : Philomena str.). Tagordo de la kunveno : Raporto de la Sekretario pri la agado dum 1911. -- Raporto de la kasisto pri la financa stato. - - Diversaj ŝanĝoj en la regularo. — Nova kurso. — Elekto de la komitato. — Diversaj aranĝoj kaj informoj. — Forloto de bela libro.

Post tiu oficiala parto, okazos agrabla kunesto kun koncerteto.

**BOOM.** — La kvaran datrevenon de la fondo de l'Boom'a Grupo Esperantista festenis intime, la 20an de decembro, la membroj de tiu vigla societo. Respondinte ĉiuj, senescepte, la alvokon de la komitato, niaj samcelanoj de la Rupelbordoj donis tiuokaze novan pruvon de sia fido en la estonteco de nia movado.

Riĉe kaj bonguste ornamita per ĉiuspecaj esperantaĵoj estis la salono de la « Hotelo de l'Universo », sidejo de la grupo, kie, ĉirkaŭ lukse kaj ege per floroj garnitaj tabloj, la gepartoprenintoj pasigis gaje kaj kunfrate eble plej agrablan vesperon.

La gastronomia parto tre zorgita de S-ro Karel Everaert, la nova mastro de tiu jam de longe fama restoracio, meritis unuanimajn laŭdojn.

Post ioma trankviligo de l'stomakoj, la langoj tuj ekliberiĝis : S-ro Jules Clerbaut skizis elokvente la historion de la grupo. Ridindiginte sprite la kontraŭulojn de la unua jaro, la simpatia kaj sindonema prezidanto konstatigis trafe la faritajn progresojn kaj esprimis sian sinceran dankemecon al siaj fidelaj kunlaborantoj kaj precipe al la Sekretario, kiu kune kun sia laborplena fukcio, dum tri sinsekvaj jaroj, ĉiam kun la sama nelacigebla fervoro, faras la instruadon al la novevenintoj.

Tujaj respondoj de S-ro Kam. Babilon kaj Kam. Bal fermis la oratoran parton. Samtempe malfermiĝis la muzika parto de la programo.

S-ro Gustaaf Struyf-Luyckx, fortepiane akompanita de S-ro Karel Struyf Rypens, ĉarmis diversfoje siajn kunfestenantojn per la emociigaj triladoj de violonkordoj. S-ro Kam. Bal ankaŭ samludile provis sian talenton, tamen multe pli li sukcesis en siaj spritaj kantoj kaj rekantoj, kiuj funkciigis la ridmusklojn de la tuta rondo. La ĉiam ŝatata voĉo de F-no Maria Lannie estis oftege aplaŭdata kiel ankaŭ la ĉarmplena ludo de S-inoj Rob. Spillemaekers-Van Reusel kaj Karel Olbrechts-Mertens, kies fingretoj karesis tre lerte la pianklavojn. Ankaŭ la aliaj kantintoj S-roj Henri De Ridder, Frans Lannie, k, c., ricevis sian parton de la aplaŭdoj.

Per la deklamado de la flandra poeziaĵo « Droeve tijden » (Malgajaj tempoj) de li mem esperantigita, S-ro Alfons Van de Velde (interpretinto de rolo de la Reĝo en « Devo de Reĝo » kaj de la Semanto en la « Revuo de la Sepa », luditaj dum la Sepa) pruvis kortuŝante la vibrantan belsonecon de nia Esperanto. Dum la aplaŭdoj, kiujn rikoltis la talentplena recitinto, kelkaj larmoj, naskitaj pro emocio, estis kaŝeme forviŝitaj.

Ĝoja dancfesto, majstre organizita de nia nelacigebla samideano S-ro Leopold Scheltens, daŭrigis... daŭrigadis... igis ade daŭri tiun rememorindan kuneston ĝis kiam la horloĝo ĉesis balbuti por frapi nur unusonajn horbatojn.

La kutima monkolekto por la « Soldo por Esperanto » estas farita de F-inoj Maria Lannie kaj Marg. De Ridder, post « La Espero », ekkantita de S-ro Van de Velde, akompanita ĥore de la tuta ĉeestintaro.

Babilemulo.

**BORGERHOUT. Grupo Laboro.** — La 18an de Decembro, la Prezidanto, S-ro Profesoro A. Vermandel inaŭguris la serion de legadvesperoj, kiuj okazos ĉiujn 2an kaj 4an lundojn. S-ro Vermandel havis kiel temon : Brazilujo. Li priparolis la geografiajn, klimatajn kaj naturajn kondiĉojn de tiu lando ; li insistis pri la riĉegaj naturaj produktaĵoj de la regiono kaj finis sian paroladon montrante la belegan estontecon de tiu vasta sudamerika lando.

Laŭtaj aplaŭdoj kaj dankplenaj paroloj de la vic-prezidantino F-ino M. Posenaer estis la rekompenco por la ŝatata paroladinto.

**LAEKEN.** — La Laekena komitato de la Ruĝa Kruco organizis, de la 7a Decembro, esperantan kurson. Tiu kurso farita de S-ro **Delauney** okazas ĉiujaŭde en la sidejo de la Societo, 57, strato Claessens.

# EKSTERLANDA KRONIKO

**El Anglujo.** — Novaj kursoj estas starigitaj en London en la Clark'a Centra Kolegio kaj en Wishaw en publika lernejo.

En Croydon la Feder. de Lond-Esp. Societoj festis sian 3an kongreseton ; ĝian socian kunvenon kaj koncerton samvespere prezidis la tiea urbestro. Ankaŭ en Bolton la urbestro prezidis en la urbestrejo Boltonan kongreseton, sekvita de laborkunveno kaj koncerto. Plie okazis en *Anglujo* propagandaj kunvenoj kaj paroladaj en : la Londona klubo ; Nunhead, Bath ; Bradford ; Eastbourne ; Exeter, kie ĉeestis 250 auskultantoj ; Huddersfield, kie S-ro Harrison Hill, nia Esp. ŝerchumoristo amuzis la ĉeestantojn per Esp. kantoj ; Northampton , Holmfirth ; Letchworth (la unua ĝardena urbo) kie 24 personoj komencis grupstarigon ; Plymouth, antaŭ lokaj socialistoj, kaj kelkaj promesis studi Esperanton ; Readnig ; Southport ; Tunbridge Wells ; Woolwich ; plie en *Kimrujo* en Barry antaŭ knabskoltoj, kaj en Dowlais antaŭ proks. 50 aŭskultantoj ; kaj grupfondo rezultis ; kaj en Pontsticill ; — plie en Skotlando en Dundee, kie kelkaj estis varbitaj ; en Edinburgo (el kiu urbo 80 Esp. ĉeestis en Antverpena kongreso) kaj fine en Glasgow kie parolis Kol. Pollen. — Nova kurso aranĝiĝis en publika lernejo kun 12 lernantoj. — En Brisbane (Australio) la urbestro de tiu urbo prezidis sukcesan Esp. kunvenon kaj koncerton.

En Sheffield (Anglujo) la Instrua Komisio enkondukis Esperanton en sian kurstabelon por 1911-12. — La Brita kaj alilanda Biblia Societo priparolis pri misiista laboro de la Societo, kiu estas tiel multe malhelpata per la diverseco de la lingvoj kaj oni varme rikomendis Esperanton kaj esprimis sian ĝojon pro l'fakto ke la Biblio kaj N. Testamento nun baldaŭ estos haveblaj en Esperanto. — ADŜ.

**Norvegujo.** — Norvega sciencisto, Tor Helliesen, Konservatoro ĉe Muzeo de Stavanger, lastjare aldonis resumon en Esperanto al artikolo en la jarlibro de la Muzeo. Tiuĉijare li enpresigas tutan artikolon esperante verkitan, en la nomita jarlibro. Ambaŭ artikoloj estas ankaŭ presitaj aparte, kiel broŝuroj. — H. TH.

**Francujo.** — Baldaŭ la sciencistaro el Lyon kaj Francujo festos la 76an datrevenon de la naskiĝo de nia simpatia Samideano Dro Dor, honora profesoro ĉe la oftalmologia kliniko de la Berna Universitato.

La samideanoj kiuj deziras partopreni tiun manifestacion bonvolu sin turni al S-o D-ro Dubreuil, 53, rue de la Charité, Lyon.

**Bulgarujo.** — Ĉar oni konstatis ke en Bulgarujo Esperantismo estas en sia propaganda periodo, oni konvinkiĝis, ke estas antaŭtempe por starigi memstarajn grupojn, kaj tio pruviĝis lastatempe, kiam Bulgara Esperantista Ligo intencis aranĝi esperantistan kongreson. Provincaj grupoj ne povis sendi sufiĉan nombron da delegitoj kaj kongreso ne okazis.

Tial la Esperantista Grupo en Sofio, konstatinte ke ne ekzistas jam Bulgara Esperantista Ligo, decidis en sia kunveno de 25a-27a de Septembro aligi sin al la Bulgara Esperantista Societo, kies sidejo estas en Sofio, kaj al kiu povas aniĝi ĉiuj esperantistoj provincaj kaj ĉefurbaj, pagantaj kotizaĵon da 5 fr. ĉiujare. Ili rajtas ricevi senpage societan organon. Tiu ĉi organizaĵo estas la centro de la Bulgara Esperantista movado. Ĝi prosperu !

PENKO STOJEV.

**Portugalujo. — Esperanta movado en Lisbono.** — La 15 an de Decembro la grupo esperantista de Lisbono troviĝis en festo por memorigi la datrevenon de D-ro Zamenhof. La programo de tiu festo konsistis el paroladoj, poezioj, muziko, kanto kaj lumbildoj.

S-ro Rodolfo Horner, prezidanto de l'Grupo, paroladis pri la propagandaj laboroj faritaj dum la lasta tempo kaj pri la jama preskaŭ nepra neceso de helpa lingvo internacia.

Sekve S-ro Santos Gil, de la supera kurso de literaturo, faris belegan kaj tre elokventan paroladon pri la kulturo de lingvoj.

Jen kelkaj eltiraĵoj de lia parolado :

« Generacio post generacio la homaj konaĵoj pli kaj pli perfektiĝas kaj nova paŝo de la scienco estas nova lumradio malfermanta novajn horizontojn.

Antaŭ kelkaj jarcentoj neniu, sendube, supozis, ke en la mondo povus ekzisti kelkaj produktoj de la naturo, kiuj nun konsistas por ni el la plej vulgaraj aĵoj. Tial ankaŭ ankoraŭ kelkaj personoj dubas pri la ebleco ke ekzistos en pli aŭ malpli proksima estonta tempo lingvo komuna al ĉiuj popoloj. Tiun ideon multaj homoj konsideras utopia, nur ĉar ili ne faras retrospektivan studon pri la kondiĉoj de l'homo sur la tero kaj ne vidas kiom la homa intelekto estas perfektiĝebla eĉ kapabla naski la plej grandiozajn kreitaĵojn.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

« La muziko estas apenaŭ apliko de la homa intelekto, kiu sciis arte kunigi la sonojn izolitajn kaj aperigi mirindan harmonion. Esperanto havas tre similan konstruadon : scienca kuniĝo de la lingvaj elementoj izolitaj en la diversaj idiomoj.

Se la kreitaĵoj de Chopin, de Mozart, de Wagner, ktp, sin trudas al nia admiro pro sia alta arta inspiro, tiu de Zamenhof devas sin trudi pro inspiro duoble valora ; samtempe scienca kaj arta. »

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Ne timu la adeptoj de la Nova Ideo, kiam ili trovas baranta ilian vojon la nekredemon aŭ la ironion : ambaŭ estas ĉiam la unuaj baroj kiuj kontraŭstaras eĉ la plej grandajn, utilajn kaj belajn venkojn de la scienco. »

Tiel S-ro Santos Gil finigis sian paroladon, varme aplaŭdita, post kiu oni kantis esperantan himnon laŭ portugala popola muziko kaj poste, S-ro Martins d'Almeida (Bemaldo) prezentis kaj klarigis per lumbildoj tre interesajn vidaĵojn de la Sepa. B.

**Irlandujo.** — La unua esperanta kongreso, kiun oni organizas en Irlandujo, okazos je la proksima Pentekosto en Portrush, la elektita kongresejo por la ĉiujara brita kongreso. G. J. J.

**Svisujo.** — Ĉiuj grupoj rekomencis fervore labori kaj propagandi. La nova prezidanto de la Svisa Societo estas S-ro Stettler, Berno. S-ro de Saussure estas honora prezidanto.

**Hungarujo. — Esperanta movado en Hungarujo !** En la lando la movado bonege progresadas. Lia Moŝto, papa prelato, prezidanto de Hungarlanda Esperantista Societo » **D-ro Aleksandro Giesswein**, kiu ĉeestis la II-an internacian Esp. Katolikan Kongreson, invitis la trian en Budapeŝton. La Kongresaj preparoj jam komenciĝis kaj precipe la junularo diligente laboradas en tiu ĉi direkto. En tiu monato okazinta ĝenerala kunsido de Hung. Esp. Soc. decidis aranĝi la proksiman jaron (en 1912) la unuan nacian esp. Kongreson, kiu estos kunligita kun la IIIa Int. Esp. Katol. Kongreso. La prezidanto de la prepara komitato de l'nacia kongreso estos : S-ro D-ro Leono Lorand (kiu ĉeestis la Sepan Int. Kongreson, kiel oficiala delegito), kaj la vicprezidanto : S-ro cand. de med. Julio de Bulyovszky, sekretario : S-ro Paŭlo Robicsek. Inter la landaj universitataj kaj superlernejaj gestudentoj estas fondata Landa Federacio rilate al la Kunligitaj Kongresoj. La prepara komitato jam havis kunsidojn kaj decidis aranĝi la ĝeneralkunvenon en januaro. La landaj universitataj kaj superlernejaj rektoroj kaj dekanoj favoras al la afero. — io de — y.

**Skotlando.** — Esperanto marŝas antaŭen en Skotlando. Oni jam starigis federacion de Skotaj Esperantistoj, kiuj klopodas pri la propagando de la lingvo, kaj ili ankaŭ faras aranĝojn pri kongresoj. Skota kongreso okazos en

« Montrose » en Junio 1912a kaj la internacia kongreso kiu okazos en Edinburgo en la jaro 1915a estas jam pritraktata.

Estas Esperantistaj grupoj en ĉiuj grandaj urboj, en Glasgovo, Edinburgo, Aberdeen, Perth, Dundee, Montrose, Paisley kaj St-Andrews. La Edinburga grupo havas cent kaj kvindek anojn.

# CUIQUE SUUM
aŭ
## HONORU TIUN, KIU MERITAS HONORON.

Baldaŭ alvenos la centjara datreveno de 'nia glora kaj kara DICKENS. Ĉiu angloparolanto alpensas tiun nomon kun plej granda plezuro, ĉar li donis al li plej riĉan provizon de amuza legaĵo, kaj tion li faris en epoko kiam oni ankoraŭ ne sciis, kia nova mondo povas malfermiĝi per tiaj belaj legaĵoj ; kiom la homa spirito povas altiĝi per laŭnaturaj, el la vivo ĉerpitaj rakontoj.

La evolucio de amuza kaj distriga legaĵo plej malrapide fariĝadis en la 17a kaj 18a jarcentoj. Oni ne havis multe da noveloj por la legema popolo ; pro tio la bela novelaro (el 34 ĉefverkoj) de CHARLES DICKENS (kiuj estis preskaŭ la unuaj de tiu speco) estis dankeme akceptataj, kaj plej avide legataj.

Nun ni havas tiom da libroj, ke oni ne povas memori (eĉ ne legi) iliajn titolojn.

La libroj de CHARLES DICKENS estis, dum lia vivotempo — same kiel nun — plezurego por la legema popolo, kaj 24 milionoj de ili tiam eliris, kaj ankaŭ nun ili ne ĉesas eldoniĝi.

Li estis plej lerta kaj sperta rakontisto, kun plej sprita kaj amuza eldirmaniero ; li posedis eksterordinaran povon vidi kaj *memori* detalojn de l' vivo, kaj ĉiam li elvidis la amuzan flankon de ĉio, neniam forgesante tamen la bonan kaj humanecan. Li elvokas nian intereson kaj simpation, kaj montras la bonon en ĉiu koro. Tridekkvar ĉefverkojn li donis al publiko kaj ĉiu entenas la vivhistorion de diversaj familioj kaj ankaŭ de apartaj personoj kies karakterojn li tiel bonege kaj ĝuste antaŭmetas, ke oni ŝajnas jam koni ilin inter sia konatularo mem. Ĉiu persono estas aparta homtipo, facile rekonebla de ĉiu landano de l'tero. Li posedis, en alta grado, la kapablon interligi la aferojn de diversaj personoj, tiel ke la intereso de l'leganto ĉiam estas streĉata. Ĉiu Anglo tuj rekonas lian spritan, ŝerchumoran stilon, kiu fluadas kiel rivereto senlace el preskaŭ neelĉerpebla fonto ; lia ĉiama korgajeco estis miriga kaj plej alloga.

Estas nun la deziro de l' Britoj kaj angloparolantoj festi tiun datrevenon kaj honori la memoron de DICKENS, kies majstra verkado tiel multe riĉigis nin. Oni nun elpensis rimedon,

kiu donos iom da kompenso al liaj idoj kaj ididoj, dum samtempe la posedantoj de Dickensaj libroj povas denove honori lian memoron. Oni elirigis milojn da markoj (po 4 spesd.) kun lia portreto, kaj ĉiu Dickensamanto metos unu en ĉiu Dickensa libro, kiun li posedas. La profiton de tiu enspezo oni poste donos al liaj parencoj, kaj se eble, oni faros ian pluan memorigaĵon al lia honoro.

Tiu Dickensa jaro estas ankaŭ interesplena por ni Esperantistoj, ĉar eliris en ĝi Dickensa libreto « **La Batalo de l' Vivo** » amrakonto tradukita de D ro ZAMENHOF mem, de bonege farita Germana traduko. Ĝi eldoniĝis en « La Esperantisto » redaktita de D-ro ZAMENHOF en 1891, kaj ni povas konstati per ĝi, ke la fundamento de Esperanto estis sama *tiam* kiel ĝi estas nun.

Jen kelkaj paragrafoj el la citita verketo, kiuj montras la nesanĝitecon de Esperanto, kaj iom ankaŭ la Dickensan stilon.

« La tago venis. Malkvieta vintra tago, kiu la malnovan domon ofte tremigadis, kvazaŭ de frosto. Tago, kiu la hejman doman internaĵon faras duoble kara, al la kamena angulo donas novajn agrablaĵojn, ĵetas ruĝetan flamon sur la vizaĝojn kolektitajn ĉirkaŭ la kameno kaj igas la grupojn ĉirkaŭ ĉiu kameno fari pli malvastan kaj pli intiman ligon kontraŭ la elementoj, kiuj ekstere sovaĝas. Kruda vintra tago, kiu plej bone preparas por agrabla vespero, kovritaj fenestroj, afablaj amikaj vizaĝoj, muziko, ridado, dancado, luma kandelaro kaj societa plezuro !

Pri ĉio tio ĉi la doktoro zorgis, por saluti Alfredon. Li sciis, ke li povas veni ne pli frue, ol en la nokto ; kaj ili intencas, li diris, resonigi la nokton de la ĝojo, kiam li venos. Ĉiuj liaj amikoj devis esti kolektitaj. Devis manki neniu vizaĝo, kiun li konis kaj amis. Ne, ili *ĉiuj* devis tie ĉi esti.

Tiel gastoj estis invititaj, kaj muziko estis mendita, kaj tabloj preparitaj, kaj la salono de dancado aranĝita, kaj kun gastema malavareco estis riĉe zorgita pri ĉiu societa bezono. Ĉar estis Kristonasko kaj liaj okuloj jam de longe ne vidis la anglan ilekson (Brita emblemo de Kristnasko) kaj ĝian malluman konstantan verdaĵon, la salono de dancado estis ornamita je tio ĉi ; kaj la ruĝaj beroj sendadis al li el la mallumа foliaro anglan saluton al la veno...

« Nu, diris la doktoro, rapide enirante. Ĉu ni ĉiuj estas pretaj, por akcepti Alfredon ? Li povas veni nur sufiĉe malfrue — ĉirkaŭ horo antaŭ noktmezo — tiel ni havas sufiĉe da tempo, por fariĝi gajaj antaŭ lia veno ..... Tiel disheligu la fajron kaj ĵetu sur ĝin ankoraŭ unu pecon da ligno, « diris la doktoro. « Lia akcepta saluto devas lumi al li renkonte tra la nokto, kiam li pli kaj pli proksimiĝados ! »

Li vidis ĝin — jes ! El sia kaleŝo li ekvidis la lumon kiam li turnis angulen apud la malnova preĝejo. Li konis la ĉambron, el kiu la lumo venis. Li vidis la nudajn branĉojn de la longe konataj arboj inter la lumo kaj si. Li sciis, ke unu el tiuj ĉi arboj en la somero agrable bruas antaŭ la fenestro de Marion.

Larmoj staris al li en la okuloj. Lia koro batis tiel forte, ke li apenaŭ povis elporti sian feliĉon.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . ,

Amaso da homoj rapide kaj brue eliris el la domo ; inter ili la patro, tenante paperon en la mano.

Kio estas ? « ekĝemis Alfred kaj turnadis sian rigardon malespere de vizaĝo al vizaĝo, dum li sur la genuoj staris apud la sveninta. « Ĉu neniu

